***

Ni jam parolis pri la Esperantista Medicina Grupo, kiu ankaŭ sinokupas je scienca propagando sed precipe en la medicina mondo.

En biblioteko de tiu grupo, ĵus aperis libro de D[ro] Jean Dardel: La tekniko de la Termala kuracado ĉe Aix-les-Bains, broŝuro kiu, tute per Esperanto, prezentas ĉiujn klarigojn kaj konsilojn por la bonekonata kuracado per akvoj de la fontoj de Aix. La broŝuro enhavas multajn gravurojn kaj la ĝeneralajn informojn pri la hoteloj, la prezaroj, la amuzaĵoj, promenadoj k. t. p.

Ĉiuj termalaj urboj havas la rimedon tiel agi kiel Aix-les-Bains; tio estas vera kaj profita propagando, post kelkaj jaroj uzo de Esperanto estos tute necesa por altiri la alilandajn klientojn.

La doktoroj de Medicino, multe kunlaboras al disvastigado de Esperanto kaj ni plezure konstatas ke, pri la profesio, ilia nombro superas tiun de la aliaj profesiaj grupoj.

***

La Grupo Esperantista de Monako tradukis kaj eldonis kuriozan rakonton de Doktoro V. Godineau sub la titolo: La Kolorigisto-aerveturanto. Ni multe rekomendas legon de tiu libro al niaj Belgaj amikoj ĉar la rakonto de S[o] Godineau okazas en Bruselo kaj la ĉirkaŭaĵo. Estas aera vojaĝo al kiu partoprenis la tiama urbestro Charles Buls, kiu estos certe tre mirigita vidi sian nomon en libro skribita per la lingvo Esperanto al kiu, ĝis nun, li rezervis siajn ironiajn sagojn. Ankaŭ li ekridos kiam li legos, se li tion legas, ke en Belgujo « la estro de la unua urbo de la lando povas esti konsiderata kiel la dua persono de la reĝolando ». Tiel, opinio de fremdulo nin enkondukas en dolĉan revon, en kvietecon indan de la Bibliaj tempoj!

***

La nova ĵurnalo Rusa, kiu estas la unua ĵurnalo kiu sinpresas en Rusujo mem, aperis de kelkaj tagoj. Ĝia nomo estas « Esperanto », ĵurnalo por propagando de lingvo internacia en Ruslando. Tiu nova gazeto estos ĝoje ricevita de ĉiuj Esperantistoj, ĉar Rusujo estas la naska loko de la lingvo kaj multaj cirkonstancoj, nun tute venkitaj, malhelpis longdaŭre la klopodojn de la tieaj pioniroj. La gazeto sin montras tre bone, ĝia enhavo estas tre interesa kaj multaj kunlaborantoj tre spertaj, inter la plej konataj,

***

Nous avons déjà parlé du groupe Espérantiste médical, qui s'occupe également de propagande scientifique mais principalement dans le monde médical. Dans la bibliothèque de ce groupe, vient précisément de paraître un livre du D[eur] Jean Dardel: La technique de la cure thermale à Aix-les-Bains, brochure qui, au moyen seul de l'Esperanto, présente toutes les indications et tous les conseils pour la cure bien connue au moyen des eaux des sources d'Aix. La brochure contient de nombreuses gravures et les renseignements généraux sur les hôtels, les tarifs, les délassements, les promenades, etc.

Toutes les villes thermales ont le moyen de faire comme Aix-les-Bains; c'est de la propagande vraie et profitable, dans quelques années l'emploi de l'Esperanto sera tout à fait nécessaire pour attirer les clients étrangers.

Les docteurs en médecine collaborent beaucoup à la diffusion de l'Esperanto et nous constatons avec plaisir, qu'au point de vue professionnel, leur nombre surpasse celui des autres groupes professionnels.

***

Le groupe Espérantiste de Monaco a traduit et édité un curieux récit du D[eur] V. Godineau sous le titre de: Le teinturier-aéronaute. Nous recommandons beaucoup la lecture de ce livre à nos amis belges parceque le récit de M. Godineau se passe à Bruxelles et dans les environs. C'est un voyage dans les airs auquel participe le bourgmestre d'alors, M. Charles Buls, qui sera certes très étonné de voir son nom dans un livre écrit en Esperanto à qui, jusqu'à présent, il a réservé ses flèches ironiques. Il sourira aussi quand il lira, s'il le lit, qu'en Belgique « le chef de la première ville du pays est considéré comme le second du royaume ». C'est ainsi que l'opinion d'un étranger nous transporte dans une douce rêverie, dans une quiétude digne des temps bibliques!

***

Le nouveau journal russe, qui est le premier journal qui s'imprime en Russie même, est apparu depuis quelques jours. Son nom est « Esperanto », journal pour la propagande de la langue internationale en Russie. Ce nouveau journal sera reçu avec joie par tous les Espérantistes, car la Russie est le berceau de la langue et de nombreuses circonstances, actuellement vaincues, empêchèrent longtemps les efforts des pionniers locaux. Le journal se présente fort bien, son texte est fort intéressant et de nombreux collaborateurs très expérimentés,

***

*Wij hebben reeds gesproken van de heelkundige Esperantische groep, die zich insgelijks met wetenschappelijke propaganda bezighoudt, doch voornamelijk in de geneeskundige wereld.*

*In de boekenverzameling van die groep komt juist een boek te verschijnen van D[r] Jean Dardel: De techniek der warm-waterkuur van Aix-les-Bains, eene brochuur die, door middel van het Esperanto alleen, alle aanwijzingen en raadgevingen aanbiedt voor de welgekende geneeswijze door middel van de wateren der bronnen van Aix. Het boekje bevat talrijke platen en de algemeene inlichtingen over de gasthuizen, de prijzen, de uitspanningen, de wandelingen, enz.*

*Alle watersteden hebben het middel om te doen gelijk Aix; het is ware en voorspoedige propaganda, binnen eenige jaren zal het gebruik van het Esperanto geheel en gansch noodzakelijk zijn om de vreemde klanten aan te trekken.*

*De geneesheeren werken veel mede aan de verbreiding van het Esperanto en wij bestatigen met vreugde, dat onder opzicht van beroep hun getal dit der andere beroepsgroepen overtreft.*

***

*De Esperantische groep von Monaco heeft een aardig verhaal van D[r] V. Godineau, onder de hoofding: « De Verwer-Luchtvaarder », vertaald en uitgegeven. Wij bevelen zeer de lezing van dit boek aan onze Belgische vrienden, omdat het verhaal van M. Godineau in Brussel en in de omstreken gebeurt. Het is eene reis in de lucht waaraan de burgemeester van toen, M. Karel Buls, deelneemt; hij zal zeker zeer verwonderd zijn, zijnen naam te zien in een boek geschreven in het Esperanto, voor hetwelk hij, tot hiertoe, zijne spotpijlen voorbehouden heeft. Hij zal ook glimlachen als hij zal lezen (indien hij 't leest), dat in België « het hoofd van de eerste stad des lands, als de tweede van het rijk aanzien wordt. » 't Is aldus dat de meening van eenen vreemdeling ons in eene zachte droomerij overbrengt, in eene gemoedskalmte waardig van de bijbelsche tijden!*

***

*Het nieuw Russisch blad, dat het eerste blad is dat in Rusland zelf gedrukt wordt, is sedert eenige dagen verschenen. Zijn opschrift is « Esperanto » dagblad voor de propaganda der wederlandsche taal in Rusland. Dit nieuw blad zal door alle Esperantisten met vreugde ontvangen worden, want Rusland is de wieg der taal, en talrijke omstandigheden, op heden overwonnen, belemmerden langen tijd de pogingen der plaatselijke baanbrekers. Het dagblad biedt zich zeer wel aan, zijn tekst is belangwekkend en talrijke, zeer ondervindingrijke medewerkers, waaronder de*

certigas la prosperon de la ĵusnaskita; ni citu D[ron] L. Zamenhof, kiu skribis artikolon en la 1-2[a] numero, S[roj]n L. de Beaufront, Kofman, Grabowsky, Grinfeld, kaj Ostrovski kiu estas la ĉefredaktoro kaj al kiu oni devas sin turni pri abono (8 frankoj = 3 rubloj jare) kaj pri administracio, eldono, artikoloj presotaj k. t. p.

La ĵurnalo havas parton en Rusa lingvo kaj tradukon en Esperanto; ĝia adreso estas: D[ro] Ostrovski en Jalta (Ruslando). La kvar unuaj numeroj estas riceveblaj; la prova numero 1-2[a] estas aĉetebla por 0,75 fr. Ni deziras al tiu ĵurnalo longan vivon kaj apogon de ĉiuj; ĝi alvenas helpi nin en la batalo kaj la veraj Esperantistoj aplaŭdos kaj gratulos ĝiajn kuraĝajn entreprenantojn.

Sub sama titolo « Esperanto » ni ankoraŭ ricevis malgrandan gazeton presitan en Budapest, lukse titolita « Scienca kaj literatura monata revuo »; ni notu ĝin kaj atendu tion, kion promesas malavare tiu titolo. Ni tamen bedaŭras la elekto de la titolo juste rezervita, jam de kelka tempo, por la Rusa organo.

***

En la 6[a] numero (114[a]) de Lingvo Internacia, nia amiko A. Kofman plendas, prave, pri mallonga ekzisto de iaj gazetoj Esperantaj, kiuj vokas helpon de la Esperantistaro, enkasigas la abonpagojn kaj malaperas sen averto!

De kelka tempo ni jam purigis la nomaron de la ĵurnaloj, kiun la legantoj trovos sur nia koverto, sed ni ne povas antaŭjuĝi pri la entreprenoj de amikoj certe tre sindonemaj sed ankaŭ nesingardemaj aŭ nesufiĉe riĉaj.

Ni petas la samideanoj, kiuj entreprenis gazeton kaj forlasis la aferon, almenaŭ sciigi nekaŝeme la ĉeson de ilia entrepreno. Devo de la Esperantistoj estas ke ili estu sinceraj, nepre.

Jos. JAMIN.

parmi les plus connus, assurent la prospérité du nouveau né; citons le D[r] L. Zamenhof qui a écrit un article dans le premier numéro (double), MM[rs] L. de Beaufront, Kofman, Grabowsky, Grinfeld, et Ostrovski, qui en est le rédacteur en chef et à qui on doit s'adresser pour l'abonnement (8 francs par an) et pour l'administration, l'édition, les articles à insérer etc. Le journal a un texte en langue russe avec traduction en Esperanto; son adresse est chez le D[ro] Ostrovski à Jalta (Russie). Les quatre premiers numéros ont paru; le numéro spécimen (1-2) est vendu fr. 0.75.

Nous souhaitons à ce journal longue vie et l'appui de tous; il arrive nous aider dans la lutte et les vrais Espérantistes applaudiront et féliciteront ses courageux fondateurs.

Sous le même titre « Esperanto » nous avons encore reçu une petite publication imprimée à Budapest, pompeusement intitulée: «Revue mensuelle scientifique et littéraire»; notons-la, et attendons ce que promet généreusement ce titre.

Nous regrettons cependant le choix du titre justement réservé, déjà depuis quelque temps, à l'organe russe.

***

Dans le numéro 6 (114) de Lingvo Internacia, notre ami A. Kofman se plaint, avec raison, de l'existence éphémère de certains journaux Espérantistes, qui réclament l'aide du monde Espérantiste, encaissent la recette, et disparaissent sans avertissement!

Depuis quelque temps nous avons déjà expurgé la liste des journaux que les lecteurs trouveront sur notre couverture, mais nous ne pouvons préjuger des entreprises d'amis certainement fort dévoués mais aussi imprévoyants ou insuffisamment fortunés. Nous prions les Espérantistes, qui entreprennent un journal et qui abandonnent l'affaire, de faire au moins connaître franchement la cessation de leur entreprise. Le devoir des Espérantistes est d'être sincère, avant tout.

Jos. JAMIN.

*meest gekenden, verzekeren den voorspoed van den nieuwgeborene, noemen wij D[r] L. Zamenhof, die een artikel geschreven heeft in het eerste (dubbel) nummer, HH. L. de Beaufront, Kofman, Grabowsky, Grinfeld en Ostrovski, die er de hoofdopsteller van is en tot wien men zich moet wenden voor de inschrijving (8 fr. per jaar), voor het bestuur, de uitgave, de op te nemen artikels, enz. Het blad heeft eenen tekst in Russische taal met vertaling in het Esperanto; zijn adres is bij D[r] Ostrovski te Jalta (Rusland). De vier eerste nummers zijn verschenen; het proefnummer (1-2) wordt aan 0,75 fr. verkocht.*

*Wij wenschen dit blad een lang leven en den steun van alleman; het komt ons in den strijd helpen en de ware Esperantisten zullen zijne moedige stichters toejuichen en gelukwenschen.*

*Onder de zelfde hoofding « Esperanto » hebben wij nog eene kleine uitgave ontvangen, gedrukt te Buda-Pest, pronkend met den titel: « Maandelijksch wetenschappelijk en letterkundig overzicht »; wij teekenen het aan en wachten op hetgeen dit opschrift zoo edelmoedig belooft.*

*Wij betreuren nochtans de keus van de hoofding sedert eenigen tijd reeds rechtmatig aan het Russisch blad voorbehouden.*

***

*In het nummer 6 (114) van Lingvo Internacia, klaagt onze vriend A. Kofman, met reden, over het hersenschimmig bestaan van sommige Esperantische bladen, die de hulp der Esperantische wereld afvragen, de winst opstrijken en, zonder verwittiging verdwijnen!*

*Sedert eenigen tijd hebben wij reeds de lijst der dagbladen, welke de lezers op onzen omslag zullen vinden, gezuiverd, maar wij kunnen niet vooraf oordeelen over de ondernemingen van vrienden die zekerlijk zeer verkleefd zijn, maar ook onvoorzichtig of ongenoegzaam gefortuneerd. Wij bidden de Esperantisten, die een dagblad ondernemen en de zaak laten steken, van ten minste vrijmoedig de opschorsing hunner onderneming te laten weten. De plicht der Esperantisten is van, vóór alles, rechtzinnig te zijn.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

## Kroniko Belga.

**Antverpeno.** — En nia lasta kroniko, ni forgesis diri, koncerne la paroladon faritan la 28[an] de februaro de S[ro] Blanjean en Antverpeno, ke tiu parolado estis organizita de la estraro de la « Allgemeine Deutsche Schule » kaj okazis ĉe la festa ĉambrego de tiu lernejo. Granda aŭdantaro, konsistanta precipe el Ger-

### Chronique Belge.

**Anvers.** Dans notre dernière chronique nous avons omis de dire, à propos de la conférence faite le 28 février par M. Blanjean à Anvers, que celle-ci était organisée par la direction de la « *Allgemeine Deutsche Schule* » et avait eu lieu dans la salle des fêtes de l'Ecole. Un public nombreux, composé en majeure

### Belgische Kroniek.

**Antwerpen.** *In onze laatste kroniek hebben wij vergeten te zeggen, sprekende van de voordracht op 28[n] Februari gegeven door M[r] Blanjean, te Antwerpen, dat deze was ingericht door de « Allgemeine Deutsche Schule » en plaats heeft gehad in de feestzaal der school. Een talrijk publiek, voor het meerendeel samengesteld*

manoj, apudestis al ĝi kaj varme aplaŭdis la parolanton. Ni ankaŭ konigu ke la invita karto enhavis mallongan germanan noton pri Esperanto, klarigantan al la invitatoj la pritraktotan temon: jen estas, laŭ nia opinio, bonega propaganda maniero.

Oni ne povas sufiĉe inciti la Esperantistojn por ke ili propagandu ĉe ĉiuj ajn lernejoj. Nune, oni devus antaŭ ĉio sin turni al la profesoroj por ke ili, konvinkite pri la utileco kaj praktikeco de la lingvo internacia, siavice klopodu por malfermi nedevigajn kursojn de Esperanto por la lernantoj.

Laŭ tiu vidpunkto, multaj paroladoj jam estas faritaj en Antverpeno: precipe ĉe la Federacio de l'Instruistoj, ĉe la kolegio « St Jean Berchmans », ĉe la Societo Pedologia, ĉe la klubo « Eigen Taal », ĉe la Germana Lernejo.

Oni nun esploras la demandon malfermi kursojn de Esperanto por la lernantoj de l' superaj klasoj de l' Germana Lernejo.

Ni povas ankaŭ konigi ke parolado estos baldaŭ farata ĉe la « Supera Komerca Instituto de Antverpeno ».

Dum la somero, la kunvenoj de la Antverpena Grupo Esperantista okazos en la « *Taverne Royale* » je la 9a vespere, la 2an kaj la 4an sabatojn de ĉiu monato.

**Diversajoj**. — Unu el niaj plej fervoraj Esperantistinoj, Frino E. Lecointe, sciigis nin ke ŝi faras kurson de Esperanto ĉe la Edukejo de Frino Delstanche (100, rue Américaine, Bruxelles) kaj ke ĉiuj lernantinoj apudestas tiun kurson. Tutkore ni gratulas nian kuraĝan kunlaborantinon pro ŝia inteligenta iniciativo.

Sub la titolo: «*L'Esperanto, Langue Internationale Auxiliaire*» (Eldonaĵo de l' Brusela Geografia Instituto, Nova Universitato) Sro Edgar Sacré jus publikigis mallongan broŝuron, en kiu la gramatiko Esperanta plenigas la plej grandan parton. Tiu verko estas interesa pro du landkartoj kaj multaj statistikaj tabeloj, kiuj montras la disvastiĝon de Esperanto tra la mondo. Malgraŭ kelkaj nevaloraj kritikoj, tiu verko ŝajnas al ni interesa kaj ni esperas ke tiu laŭdinda laboro alkondukos al nia lingvo multajn novajn adeptojn. Ni tamen deziras antaŭgardi pri la vereco de l' statistikaj tabeloj: ĉar ili havas sian fundamenton en la « *Tutmonda Jarlibro Esperantista* », ili evidente represas la multajn erarojn de tiu verko; ni ankaŭ bedaŭras ke la aŭtoro, celanta antaŭ ĉio Belgan legantaron, nur en malgrava maniero raportis pri la progresoj ĝis nun faritaj de Esperanto en nia lando.

---

partie d'Allemands, y assistait et a chaleureusement applaudi le conférencier. Nous devons signaler aussi que la carte d'invitation à la conférence portait en allemand une courte notice sur l'Esperanto, renseignant l'invité sur le sujet traité; c'est là, croyons-nous, un excellent moyen de propagande.

On ne saurait assez engager les Espérantistes à tenter de faire de la propagande dans les établissements d'instruction quels qu'ils soient. Pour le moment, c'est avant tout au corps enseignant qu'il convient de s'adresser pour que ses membres, convaincus de l'utilité et de la praticabilité de la langue internationale, fassent à leur tour des démarches pour obtenir l'institution de cours facultatifs d'Esperanto pour les élèves.

Plusieurs conférences ont déjà été données dans cet ordre d'idées à Anvers: notamment à la Fédération des Instituteurs, au Collège St Jean Berchmans, à la Société Pédologique, au cercle « Eigen Taal », à l'Ecole Allemande.

La question de faire donner aux élèves des classes supérieures de l'école Allemande un cours d'Esperanto est en ce moment sérieusement à l'étude.

Nous pouvons annoncer également que bientôt une conférence sur l'Esperanto sera donnée à l'*Institut Supérieur de Commerce* d'Anvers.

Durant l'été, les réunions du Groupe Espérantiste d'Anvers auront lieu à la « *Taverne Royale* », à 9 h. du soir, les 2d et 4e samedis de chaque mois.

**Nouvelles diverses**. Une de nos Espérantistes les plus zélées, Mademoiselle E. Lecointe, nous écrit qu'elle donne un cours d'Esperanto au Pensionnat de Melle Delstanche (100, Rue Américaine, Bruxelles), cours suivi par toutes les élèves de l'établissement. Nous félicitons de tout cœur notre courageuse collaboratrice pour son intelligente initiative.

Sous le titre: « *L'Esperanto, Langue Internationale Auxiliaire* » (Publication de l'Institut Géographique de Bruxelles, Université Nouvelle), Mr Edgar Sacré vient de publier une courte brochure, où l'exposé de la Grammaire Espérantiste occupe la plus large place. L'intérêt de cette brochure réside principalement dans deux cartes et de nombreux tableaux statistiques, qui s'y trouvent annexés et qui montrent le degré de diffusion de l'Esperanto de par le monde. Malgré quelques légères critiques de peu de valeur, l'ouvrage nous semble intéressant et nous espérons que cet effort louable amènera à notre langue de nombreux nouveaux adeptes. Nous tenons cependant à faire quelques réserves au sujet de l'exactitude des tableaux statistiques: basés sur le « *Tutmonda Jarlibro Esperantista* », ils reproduisent naturellement les erreurs nombreuses de cet ouvrage; nous regrettons aussi que, s'adressant avant tout à un public belge, l'auteur n'ait fait qu'une mention insignifiante des progrès acquis à ce jour par l'Esperanto dans notre pays.

*uit Duitschers, was tegenwoordig en heeft den voordrachtgever warm toegejuicht. Wij moeten ook aanmerken dat de uitnoodigingskaart tot de voordracht, in het Duitsch, eene korte beschrijving voor het Esperanto bevatte, den uitgenoodigde over het behandeld onderwerp inlichtende; dit is, meenen wij, een uitmuntend propagandamiddel.*

*Men kan de Esperantisten niet genoeg aanzetten om te beproeven om propaganda te maken in de onderwijs-gestichten, hoedanig zij zijn. Voor het oogenblik is het vooral tot het onderwijzend personeel dat men zich moet wenden, opdat zijne leden, overtuigd van het nut en de gebruikbaarheid der wederlandsche taal, op hunne beurt voetstappen doen om de inrichting van niet verplichtende leergangen van Esperanto voor de leerlingen te bekomen.*

*Verscheidene voordrachten zijn reeds in dezen zin te Antwerpen gegeven geweest: namelijk aan de Onderwijzers-Vereeniging, in het St Jans Collegie, in de Pedologische Maatschappij, in den Kring:* « *Eigen Taal* »*, in de Duitsche school.*

*De kwestie van aan de leerlingen der hoogere klassen der Duitsche school eenen leergang van Esperanto te doen geven; is voor het oogenblik ernstig ter studie.*

*Wij mogen insgelijks mededeelen dat welhaast eene voordracht over het Esperanto zal gegeven worden in het* Institut Supérieur de Commerce *te Antwerpen.*

*Gedurende den Zomer zullen de vergaderingen der Esperantische Groep van Antwerpen plaats hebben in de* « Taverne Royale » *ten 9 u. 's avonds, den 2n en 4n Zaterdag van iedere maand.*

**Verschillende Nieuwstijdingen.** *Eene onzer ieverigste Esperantisten, Mejuffer E. Lecointe, schrijft ons dat zij eenen leergang van Esperanto geeft in de Kostschool van Juf. Delstanche (100, Amerikaansche straat, Brussel) leergang gevolgd door al de leerlingen van het gesticht. Wij wenschen uit ganscher harte onze moedige medewerkster geluk over hare verstandige in-voegebrenging.*

*Onder de hoofding:* « L'Esperanto, Langue Internationale Auxiliaire ». *(Uitgave van het Aardrijkskundig gesticht van Brussel, Nieuwe Hoogeschool) komt Mr Edgar Sacré een klein schrift uit te geven, waarin de uiteenzetting der Esperantische spraakkunst de meeste plaats bekleedt. Het belang van dit boekje schuilt voornamelijk in twee kaarten en talrijke statistieke tafels, die er bijgevoegd zijn en die den graad van verspreiding van het Esperanto over de wereld, aantoonen. Niettegenstaande eenige lichte hekelingen van kleine waarde, schijnt het werk ons belangrijk en wij hopen dat deze lofwaardige poging talrijke nieuwe aanhangers voor onze taal zal bijbrengen. Wij houden er nochtans aan eenige voorbehoudingen te doen nopens de juistheid der statistische tafels: gesteund op de* « Tutmonda Jarlibro Esperantista », *herhalen zij natuurlijk de talrijke misslagen van dit werk; wij betreuren ook dat de schrijver, zich vooral tot een Belgisch publiek wendende, slechts eene onbeduidende melding maakt van de vorderingen, tot hiertoe door het Esperanto in ons land gedaan.*

En « *L'Union Internationale du Commerce et de l'Industrie* », Sro J. Jamin presigis elokventan artikolon pri Esperanto.

La ĵurnalo « *Het Handelsblad* » (el Antverpeno) publikigis flandran tradukon de la letero de Sino Pieper pri la Flandra Literaturo, presita en nia lasta numero. Aliparte, tradukoj de la letero de Sro Kazi-Girej (nro Marta 1905) aperis en la gazetoj : « *Gazette de Lausanne* », « *Gazette de Charleroi* », « *La Métropole* ». En ĉi tiu lasta ĵurnalo, ĉe kies redakcio ni posedas fervoran Esperantiston : Sron de Roy, ni legis ankoraŭ (3an de Majo 1905) bonegan artikoleton pri la baldaŭa Kongreso de Boulogne.

Dro M. SEYNAEVE.

Dans « *L'Union Internationale du Commerce et de l'Industrie* » Mr J. Jamin a fait paraître un éloquent article en faveur de l'Esperanto.

Le journal « *Het Handelsblad* » (d'Anvers) a publié une traduction flamande de la lettre de Mme Pieper sur la Littérature Flamande, parue dans notre dernier numero. D'autre part, des traductions de la lettre de Mr Kazi Girej (nro de mars 1905) sont parues dans la « *Gazette de Lausanne* », « *La Gazette de Charleroi* » et « *La Métropole* ». Dans ce dernier journal, où nous comptons parmi les rédacteurs un Espérantiste ardent : Mr F. de Roy, nous avons lu encore (no du 3 mai 1905) un excellent articulet au sujet du prochain Congrès de Boulogne.

Dr M. SEYNAEVE.

*In* « L'Union Internationale du Commerce et de l'Industrie » *heeft Mr J. Jamin een welsprekend artikel doen verschijnen ten voordeele van het Esperanto.*

*Het* « *Handelsblad* » *(van Antwerpen) heeft eene Vlaamsche vertaling uitgegeven van den brief van Mev. Pieper over de Vlaamsche letterkunde, verschenen in ons laatste nummer. Van een anderen kant, zijn de vertalingen van den brief van Mr Kazi Girej (Maartnummer 1905) verschenen in de* « Gazette de Lausanne », « La Gazette de Charleroi » *en* « La Métropole ». *In dit laatste dagblad, waar wij onder de opstellers een vurigen Esperantist tellen, Mr F. de Roy, hebben wij nog (nummer van 3n Mei 1905) een uitmuntend artikeltje over het aanstaande Kongres van Boulogne.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

## Nekrologio.

Funebran sciigon ni ricevis de kelkaj tagoj : unu el la plej sindonemaj kunbatalantoj, Lucien Christiaens, mortis en Obenghé-Benghé (Memstaranta Ŝtato de Kongolando). Ankoraŭ juna, dudekdujara, li multe laboradis por la disvastigo de nia lingvo en Bruselo kaj li faris, dum kelkaj monatoj, kurson ĉe la Popola Universitato en St Gilles, apud Bruselo. Tre laborema novamulo, li entreprenis multnombrajn korespondaĵojn kun fremdaj Esperantistoj ; sekve, altirita per la mistereco de la *Nigra Kontinento*, li veturis Afrikon, sed ne forlasis Esperanton ĉar ni ricevis kelkajn leterojn el Kongolando, tute skribitajn Esperante.

La mortiganta klimato de la Ekvatoria regiono baldaŭ atingis kaj pereigis nian malfeliĉan amikon kaj tiu sciigo malgajigos multajn samideanojn.

Ni prezentas al lia familio nian sinceran kondolecon je la nomo de la Esperantista grupo de Bruselo kaj je la nomo de liaj Esperantistaj korespondantoj.

Lucien Christiaens tradukis por « *La Belga Sonorilo* » rakonton pri « Kristnasko de la Ĉasisto » publikigitan en nia 5a numero (Januaro 1903).

La Redakcio.

## Internacia Ekspozicio en Lieĝo.

SCIIGO.

Dum Aprilo malfermiĝis en Lieĝo, Tutmonda Internacia Ekspozicio, granda kaj tre riĉa per kongresoj diversaj. Ĝi estos fermata en Novembro kaj certe, dum tiuj ses monatoj, multe da samideanoj vizitos nian urbon. Por utili al ili iamaniere, mi havas la honoron sciigi la venontajn amikojn ke ili trovos ĉiam la plej sinceran gastamon en la kunvenoj de Lieĝa Grupo Esperantista, kiuj okazos lunde kaj vendrede, ĉiusemajne, de la 8a horo vespere en kafejo-restoracio « Au Petit Trianon » Bd de la Sauvenière, apud la Reĝa Teatro.

Reciproka konatiĝo estos agrabla kaj utila !

G. SLOUTZKY
Sekretario de Lieĝa Grupo Esperantista
48, rue des Prébendiers, Liége (Belgique).

## Pasero.

« VERSAĴO EN PROZO » DE J. Turgenev.

Mi revenis post ĉasado kaj iris sur aleo de ĝardeno. Antaŭ mi kuris la hundo. Subite ĝi malgrandiĝis la paŝojn kaj komencis ŝteliĝi kvazaŭ eksentinte ĉasaĵon.

Mi ekrigardis laŭlonge de la aleo kaj vidis junan paseron kun flavaĵo (flavkoloro) ĉirkaŭ la beko kaj lanugo sur la kapo. Ĝi elfalis el nesto (vento forte balancigis la betulojn de l' aleo), kaj estis sidanta senmove, senhelpe etendinte la flugiletojn, apenaŭ komencantajn kreski. Mia hundo malrapide alproksimiĝis ; subite, sin deŝirinte de proksima arbo, maljuna nigrabrusta pasero kiel ŝtono ektalis antaŭ ĝia vizaĝo — kaj tute senordigita, difektita, kun malespera kaj mizera pepado saltadis du, tri fojojn antaŭ la dentegan malfermitan buŝegon. Ĝi sin ĵetis por savi, ĝi per si mem ekbavigis la idon.... Sed ĝia tuta korpeto tremis pro teruro, la voĉo fariĝis sovaĝa kaj raŭka, ĝi svenis, ĝi oferis sin ! — Kia grandega monstro devis ŝajni por ĝi la hundo ! kaj tamen ĝi ne povis resti sur sia alta, sendanĝera branĉeto.. La forto pli potenca ol ĝia volo, deĵetis ĝin de tie.

Mia « Trezoro » haltiĝis, repaŝis..... Ĝi ankaŭ ekestimis tiun ĉi forton. Mi rapidis voki la konfuzitan hundon kaj foriris respektegante. Jes, ne ridu mi respektegis tiun malgrandetan heroan birdon, ĝian ameman atencon. La amo, mi pensis, estas pli forta ol la morto kaj timo al morto. Nur per ĝi, per la amo, konserviĝas kaj moviĝas la vivo.

Tradukis Dro VEJTCLER
el Rostov sur Don, Rusujo.

Teksto eltirita el la rondira gazeto «Kunfratiĝo».